

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Junio/Julio/Aŭgusto (3) 2009



## La plej longa sen-ŝtupara buso en la mondo

### 26 du-artikaj aŭtobusoj kun longeco de 25 metroj cirkulas en Hamburg

Foto: Benno Klehr

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

iom malfrue aperas nia nova bulteno, sed ni prokrastis la eldonon, por prezenti al vi tute aktualajn informojn. Intertempe pasis la kongreso en *Herzberg ĉe Harco*, kiu estis samtempe *Germana Esperanto-Kongreso* kaj Kongreso de *Eŭropa Esperanto-Unio*.
Herzberg estas malgranda urbo, do la ĉ. 400 kongresanoj estis ofte videblaj surstrate. La kongresejo estis moderna gimnazio kun sufiĉe da salonoj por okazigi ĉiujn kunvenojn kaj prezentadojn. La programo estis plena je interesaj prelegoj kaj laborgrupoj, foje ŝajnis eĉ tro plena. La organizantoj nur estis malmultaj kaj tial ili estis tre ŝarĝitaj kaj streĉitaj.
Bedaŭrinde en la urbeto ne ekzistas granda hotelo, kiu sufiĉas por tiom da gastoj. La kongresanoj loĝis en diversaj hoteloj kaj pensionoj, el kiuj kelkaj troviĝis en distanco de 6 ĝis 7 kilometroj. Iu sperta kongresano mokis: "Venontjare ni bezonos aviadilon."
La manĝo-paŭzoj estis ekstreme mallongaj. Unu kaj duona horoj ne sufiĉas por trankvile promeni al la urbocentro, elekti restoracion, manĝi kaj ĝustatempe reveni al la kongresejo.
Malgraŭ kelkaj misfunkcioj en la organizado, la etoso inter la kongresanoj estis bona. La ebleco travivi vere internacian kunestadon fine konsolis – ankaŭ min.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

Vivo estas tio, kio okazas al oni, dum kiam oni atendas la plenumiĝon de siaj revoj.

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2009: 15-08-09**



Foto: Alstertouristik

Ek de Majo 2000 la katamarano „Alstersonne“, la plej granda fotoelektra ŝipo, veturas sur lago Alster.



Foto: zemships.eu

Ek de Aŭgusto 2008 cirkulas la „Alsterwasser“, la unua publika hidrogen-pila ŝipo en Hamburg.

*Hamburger Hochbahn AG*, la ĉefa trafika entrepreno en Hamburg posedas (krom la metrooj) 719 aŭtobusojn, el kiuj estas 200 artikaj busoj, 26 du-artikaj busoj, 385 normalaj busoj, 6 hidrogen-busoj kaj 7 malgrandaj busoj kaj vojaĝbusoj.



**Hidrogen-pila buso** Foto: Hochbahn/Vattenfall

# Eklezia Foiro en Bremen

De la 20a de majo ĝis 24a de Majo okazis eklezia tago en Bremen. KELI, la Kristana Esperanto-Ligo Internacia, kaj la Bremena Esperanto-grupo organizis informstandon, kiu allogis interesitojn ne nur el Germanio, sed ankaŭ el aliaj Eŭropaj kaj ekster-Eŭropaj landoj.
Sabaton, la 23an de majo, triopo el Hamburgo vojaĝis trajne al Bremen por subtene deĵori dum tiu lasta informtago ĉe stando. Hellmut Grebe jam atendis nin ĉe la stacidomo kaj veturigis nin al haveno, kie okazis la ĉefa programo kaj ekspozicio de la eklezia foiro en granda stokejhalo. Lia edzino nin jam tie atendis ĉe fin-preparita stando, kaj Benno Klehr, Hannelore Brunow kaj mi havis multajn eblecojn diskuti vigle kun interesiĝantoj pri variaj uzadeblecoj de Esperanto kaj ĝia ebla estonteco.

*Peggy Ley*

## Eŭropaj elektoj kaj EDE



En la eŭropaj elektoj en Hamburg la politika grupo EDE – Eŭropo - Demokratio - Esperanto atingis rezulton de 234 voĉoj, en tuta Germanio estis 11859 voĉoj.
Ne estas granda nombro, sed almenaŭ estas pli ol nur niaj membroj, kiuj voĉdonis por EDE.
Estis la unua fojo, ke Esperanto aperis en balotoj.

*Benno Klehr*

# Ĉe-Ellen-ir-tago

Dum ĉiel-ira tago (21.5.) ni festis ĉi-jare kune kun multaj aliaj vizitantoj en la ĝardeno de la *kultur-butiko*.

Tiu aranĝaĵo montriĝis la plej bona varbado por ni, ĉar pro la ĉeesto de 28 personoj, kiuj parolis Esperanton, la vizitantoj de la domo spertis, ke en ĉiu angulo de la domo kaj la ĝardeno oni parolis tiun lingvon.

*Hannelore Brunow*, kiu kantis en la koruso "Golden Sixties" (oraj sesdek-jaruloj), de sur la scenejo salutis la amikojn el Schwerin kaj Pollando, kiuj ĵus estis alvenintaj – en Esperanto.

Poste ankaŭ *Ralph Glomp* kantis en Esperanto, varbis por la internacia lingvo kaj informis pri la politika unuiĝo *EDE*.

Bedaŭrinde li devis kanti en la salono, ĉar pluvis kaj eĉ estis hajlo. Tamen nia komuna festo estis tre sukcesa por nia afero. La gastoj, kiuj apartenas al diversaj grupoj, kiuj renkontiĝas en la *kultur-butiko* por lerni ion aŭ praktiki ian hobion, aŭ simple por renkonti aliajn samlingvanojn per tiu festo estis informitaj pri Esperanto. Estis varbado kiu estis pli efika ol multaj aliaj aranĝoj, kiujn ni organizas.

*Benno Klehr*

## Kongreso en Herzberg

Inter la 28a de Majo kaj la 3a de Junio okazis la 86a Germana Esperanto-Kongreso kaj la 8a Eŭropa Esperanto-Kongreso en *Herzberg ĉe Harco* kun la ĉeftemo „Esperanto por multkultura Eŭropo“.

Partoprenis ĉ. 400 gastoj el 27 landoj, okazis multaj prelegoj, kunsidoj, lingvokursoj, ekzamenoj, kulturaj eventoj, prezentadoj de kantistoj, muzikistoj, teatra vespero, diskoteko, junularaj programoj, ekskursoj, urba festo kun marŝado, kaj multo pli!



**Infanoj kantas**



**Pupteatro** *Foto: Wulff*



**Flago-parado en la urbocentro**

Teksto laŭ interreta prezento http://esperanto-urbo.de

## Nia Terura Enigmo (Solvo de 1.09)

**Horizontale**

**1.** Lanti = SAT; Hodler = UEA: **Samideano. 10.** 3x duobla V: WWW = **TTT**. **13.** Unu en Roma cifero: **I**. **14.** Garanti'. **16.** Muro. **17.** Natrio = **Na** (en bikarbonato). **18.** Tondr' en fulmotondro. **19.** Altan'. **20.** Unu (absolute ne dividebla). **21.** En kuvo = kuve. **23.** Semid'. **24.** Streb'. **25.** Amatori. **26.** Okazos. **29.** Aliĝil' (al UEA). **30.** Minoa (civilizo). **33.** Koloido -> kolodio. **36.** Eĥoj. **37.** Fagopiro. **40.** *En profundo* (germane *Noktazilo*): Teatraĵo de Gorki. **41.** Lampiro - lampo = ir'. **43.** Loĝas. **44.** Atmosfer'. **45.** Nokt´ (antaŭ ol Dio diris: "Fariĝu lumo").

**Vertikale**

**1.** Sinuso: 1) matematika funkcio, 2) kavaĵo apud la nazo. **2.** Agant'. **3.** Matura: (Abiturienta ekzameno en Aŭstrio). **4.** Irokezoj (kaj Irokeza frizaĵo). **5.** Plej granda delto en Eŭropo: Danubo. **6.** End' (gramatike kaj angle). **7.** Rakousko: ĉeĥe Aŭstrio = A. **8.** Nia. **9.** Omleto (ne Hamleto). **10.** Tutmondiĝo. **11.** Trairi. **12.** Tondilo. **15.** Tremao (germane umlaŭto *ü*, hispane *güito* por ne pronoci *gito* sed *gŭito*. **22.** Vaska (ne eŭska) ĉapo. **23.** Sablo. **28.** Kiĥot' + Don' = Donkiĥoto. **30.** Mega + lito. **31.** Norm' (por papero aŭ lampoj). **32.** Afis' (arĥaismo anstataŭ afido). **34.** Opon'. **35.** Irak'. **38.** GRE kun K = Grek'. **39.** Ost': 1) fromaĝo dane, 2) anatomio. **41.** Par' kun KO = parko. **42.** IF: Internacia Festivalo; if = *se* angle. **43.** Natura Log. = *ln*; do: LR.

## Von Japan lernen? Vortrag von Dr. Ulrich Lins

Japan gehört zu den führenden Industriemächten der Welt. Bis es diesen Rang erlangte, war ein langer Weg zurückzulegen. Dieser erstaunliche Aufstieg einer nichtwestlichen Nation ist von welthistorischer Bedeutung. Japan entging einer Kolonisierung, indem es vor 150 Jahren begann, sich aus dem Ausland all das anzueignen, was ihm wichtig erschien.

Der Lernprozess war eine schöpferische Weiterentwicklung, also mehr als nur Nachahmung des Westens. Heute ist Japan seinem einstigen Vorbild, dem Westen, nicht nur ebenbürtig, sondern in vieler Hinsicht voraus.

Ist der Lernprozess damit zu Ende? Muss nicht heute festgestellt werden, dass die anderen Länder von Japan lernen sollten?

Der Vortrag will eigene Erfahrungen, auch aus dem japanischen Alltag, verwerten. An einigen Beispielen soll gezeigt werden, was der Westen von Japan lernen könnte (und was er schon gelernt hat). Allerdings muss bedacht werden, dass für das Zeitalter der Globalisierung ein ständiger Prozess des Gebens und Nehmens kennzeichnend ist, in dem jeder sich das anzueignen versucht, was ihm wertvoll und nützlich erscheint.

Hervorzuheben ist in diesem Zusammenhang: Parallel zu seiner Aufnahmebereitschaft in Wirtschaft und Technik demonstriert Japan gerade im kulturellen Bereich eine unbefangene Neugier, die beispielgebend ist. Interesse und Verehrung gelten herausragenden musikalischen und künstlerischen Meisterwerken, wo immer sie entstanden sind. Der Gedanke an die nationale Herkunft spielt eine immer geringere Rolle. Diese Bereitschaft, sich auch geistig zu öffnen, dürfte in unserer „globalisierten Welt“ ein besonders wertvolles Gut sein.



### Von Japan lernen?

Vortrag am 18.06.2009

Ulrich Lins, geb. 1943, Dr. phil., studierte Geschichte, Politische Wissenschaft und Japanologie in Köln, Bonn und Tokyo.

Bis Mitte 2008 war er – in Bonn und mehrere Jahre in Tokyo – für den Deutschen Akademischen Austauschdienst (DAAD) tätig.

# Somera Festo

La 30an de Julio Hamburga Esperanto-Societo invitas al Somera Festo en Gastejo ***Oase*** en la parko apud la *Malsanulejo St. Georg,* enirejo *Lange Reihe/ Bülaustraße*, se eblas sur la teraso.

Ni ofertos kokidaĵon, kolbasojn, viandon, terpoman kaj aliajn salatojn kaj kaj...

Komenco: 19.30 h
Prezo: por membroj € 7,–
por aliaj € 10,–

**Bonvolu anonci vian partoprenon**
ĉe *Ralph Glomp* Tel. 040 - 68 91 36 63
aŭ rete Glomp@esperanto-hamburg.de

**Hamburg-enigmo**
Kie troviĝas tiu pordo sur la foto?
Ne kredu ke vi scias tion! Ĝi ne estas tio, kion vi opinias.




# Tuttaga ekskuro al la "BuGa"

Sabaton, la 4-an de julio HES - membroj havos la eksterordinaran ŝancon je modera prezo viziti la belan urbon Schwerin - kaj la Federacian Ĝardenekspozicion 2009 "Bundesgartenschau Schwerin". Tie gvidos nin la ŝverina esperantisto Franz-Peter Kurtz.




Parton de la kostoj transprenos HES, tiel ke HES - membroj pagos por la trajnvojaĝo, eniro al la Buga kaj gvidado en Esperanto nur 10 € po persono.

Ni renkontiĝos je al 10-a ĉe "Reisezentrum" en la ĉefstacio, ekveturos je la 10.30 kaj reveturos je la 18-a aŭ 20-a. Do estos 6 - 8 horoj por ĝui la ĝardenarton de la 18-a ĝis la 21-a jarcento, sep diversajn ĝardenojn situantajn ĉirkaŭ la kastelo kaj la ŝverina lago.

Jam kolektiĝis grupeto de geĝardemuloj.
Aliĝu ankaŭ vi ĉe Gerald Roemer:
retpoŝte: geroemer@t-online.de
aŭ telefone 040-4917194

[en la interreto: www.buga-2009.de ]

# Printempa Semajno Internacia (PSI)

PSI estas esperanta familia renkontiĝo, kiu okazas ĉiujare dum pasko en Germanio. Ĉi tiun jaron festis PSI la 25an jubileon.
Dum unu semajno oni ĝuas vivi en Esperanto - lando. Tie troviĝas antaŭtagmeze artaj kaj amuzaj aranĝoj por infanoj kaj plenkreskuloj, posttagmeze oni povas migradi en la naturo aŭ viziti proksimajn urbetojn.

Estis diversaj ekskursoj per buso, aŭto aŭ piede...
Post la vespermanĝo okazas teatraĵoj, skeĉoj aŭ koncertoj. Se tamen vi enuas, vi povas sidi en la „Knajpo“ (trinkejo de PSI).
Tie oni babilas, kafumas aŭ alkoholumas.



**Migrado al *Brocken***

La 25a PSI okazis en la Internacia Domo - Sonnenberg ĉe St. Andreasberg, Harz - montaro. La PSI - ejo situas 800 metrojn alta super marnivelo, ĉirkaŭita de arbaro kaj 3 kilometrojn for de la urbo St. Andreasberg.

Partoprenis pli ol 170 geesperantistoj (inter ili troviĝis multaj infanoj) el 15 landoj.

Kiel kutime dum pasko, ni havis grandegan paskan fajron. Pro forta vento fajro bele dancis. Post la fajro ni rapidis al la Knaipo. Preskaŭ ĉiu vespere ni sidis tie kaj babilis ĝis post la noktomezo.



**Mallarĝtraka trajno ĉe Brocken**

Antaŭtagmeze ni vizitis interesajn prelegojn, posttagmeze komune ekskursis al iama minejo, kaverno, piedmarŝis al la pinto de 1142 metrojn alta monto Brocken kaj unu foje per aŭto veturis al Herzberg.

La organizantoj bone organizis diversajn vesperajn programojn. Ĉi jara speciala okazo estis la skeĉo de Fraŭlino Barlaston. Alia speciala evento estis la 25a jubilea balo. Kun folklora kaj moderna muziko oni dancis ĝis malfrue...

*Mariko Aoshima*

## Solvo de Hamburg-enigmo

Tiu enirejo troviĝas en Ballindamm 13. En 1903, kiam la domo estis konstruita, tiu strato nomiĝis *Alsterdamm*.
La grandmagazeno *Tietz* (Hertie) estis konstruita en 1912 kaj nur en 1935 ĝi ricevis la nomon *Alsterhaus*.



## Hamburga cinamo

Ŝajnas iom strange, kiam oni aŭdas pri *hamburga cinamo,* sed tio ne estas honora titolo: Fakte ekzistas diversaj cinamo-kvalitoj, kaj la kvalito *Hamburg* estas la plej malbona.
La plej bonan kvaliton havas la *srilanka cinamo* (*cejlona*), kiun liveras tre delikataj tubetoj el la ŝelo de *cinnamomum verum*.
Pli maldelikata estas la *ĉina cinamo* aŭ *kasio-cinamo* el la ŝelo de *cinnamomum cassia*; ankaŭ la gusto kaj aromo estas pli krudaj.
Industria cinamo ofte estas miksaĵo el ambaŭ.
Hamburga cinamo havas la plej malaltan kvaliton. Ĝi konsistas laŭdire el la restaĵoj en la deponejoj en la hamburga haveno. (ĉu eble balaaĵo?)

## Nova fervoja metrolinio al la flughaveno

Ek de la 12a de Decembro 2008 la trajnoj de fervoja metrolinio *S1* en stacio *Ohlsdorf* dividiĝas al du direktoj: Unu duono daŭrigas al la Flughaveno en *Fuhlsbüttel* kaj la alia kiel kutime iras al *Poppenbüttel*.
La nova stacia konstruaĵo estas bonaspekta, kaj taŭge lokita meze inter la du grandaj haloj de la flughaveno. Ekzistas elirejoj al ambaŭ haloj, ekipitaj per rulŝtuparoj kaj liftoj al la diversaj etaĝoj de la Flughaveno.
Per la nova linio oni atingas la flughavenon de la ĉefa stacio en nur 25 minutoj. Ĉe la ĉefa stacio nun la multekostaj busoj de *Airport-Express* vane atendas klientojn el antaŭaj tempoj.



# Zamenhof kaj la historio de Esperanto

**Prelego de *Ulrich Lins* en Hamburg, 19.06.2009**

Ĉi-jare estas la 150-a datreveno de la naskiĝo de L.L. Zamenhof. Tio estu okazo por denove rigardi al la motivoj de Zamenhof, precipe al la demando, ĉu la evoluon de Esperanto ni povas konsideri plenumo de liaj revoj.

La respondo estas malfacila. Ni ja scias pri liaj motivoj, sed ne povas esti certaj kiujn emfazi, ĉar li multrilate estis ambigua. Sendube li volis helpi siajn judajn samgentanojn, tamen same aŭ foje eĉ pli multe gravis por li la homoj senrigarde al ilia deveno. Li strebis ne nur al lingva unuigo pere de Esperanto, sed rezentis ankaŭ pensaron, kiu transpontu la religiojn: la homaranismon.
Pri la ĉi-lasta Zamenhof ne sukcesis. Jam antaŭ ol tio iĝis evidenta, li mem apogis la pragmatan vidpunkton, ke la antaŭeco apartenas al la lingvo Esperanto. Li konsentis, ke la kongresanoj de Bulonjo (1905) donis al la homoj plenan liberecon uzi Esperanton; esperantisto ne devis kredi je homaranismo, eĉ ne je „interna ideo“. Tiel evoluis la movado – ne kun fiksita rigardo al „fina venko“, sed klopodante daŭre kontentigi per servoj tiujn, kiuj decidis ĝin lerni.

Aliflanke, ne malaperis la kredo, ke la praktikado de Esperanto kontribuas al maldiskriminacio kaj helpas krei mondon, en kiu la etna kaj relgia deveno de homo ne plu efiku apartige.
Tio estis la modesta deziro de la juna Zamenhof, kiun li konservis ĝis sia vivofino.
En februaro 1909 li skribis al Felix Moscheles: „...venos la tempo kiam la loĝantaro de ĉiu teritorio konsistos nur el homoj kaj civitanoj, sed ne el popoloj mastrantaj kaj popoloj mastrataj.“ Esprimante tion pli proksime al la politika aktualeco, ni povas diri, ke Zamenhof estis konsekvenca kontraŭbatalanto de naciismo. Kaj lia kreaĵo, Esperanto, daŭre nin admonas daŭrigi tiun batalon.

*Ulrich Lins* estas historiisto. De 1989 ĝis 1995 li estis vicprezdanto de UEA.
Li verkis la librojn ***La danĝera lingvo*** (1988) kaj ***Utila Estas Aliĝo*** (2008). En 2007 li redaktis novan eldonon de ***Vivo de Zamenhof*** de Edmond Privat.

# Paroliga-Somero

Multaj Esperanto-parolantoj kutime vojaĝas al kongresoj por plibonigi siajn lingvokapablojn. Tio estas bona afero. Por tiuj kiuj ne povas vojaĝi al kongreso ni prezentas la „Paroligan Someron".
Dum kvar ĵaŭdoj ene de la someraj ferioj vi povas diskuti mez- kaj alt-nivele kun subteno de po du gvidantoj, kiuj helpos, trovi la plej bonajn esprimojn.
Temoj povas esti „Kiel kreiĝis la universo?", „Kiel estus la landaj interrilatoj, se Esperanto estus la mondlingvo?" aŭ „Se ni ne plu manĝus viandon la tero ne plu varmiĝos, ĉu?".

La interesa afero estas, ke ĉiusemajne aliaj klubanoj gvidos tra la parolado. Ĉiuj gvidos alimaniere, do ĉiusemajne vi sentos alian etoson.
Dum sunaj ĵaŭdoj ni sidos ekstere en la ĝardeno de la kultur-vendejo, dum la kutima Hamburga somera vetero salono ene estas rezervita por ni.
Venu kaj ĝuu la paroladon.

# Eŭropa foiro

Sabaton, la 25an de Aprilo, sur la placo *Gänsemarkt* en la urbocentro de Hamburg okazis *Eŭropa Foiro.* La celo de la okazaĵo estas, informi la publikon pri la multfaceta vivo en Eŭropa Unio. La multaj lingvoj estis temo de kelkaj lernejoj, kiuj prezentis sin tie. Ankaŭ la hamburgaj esperantistoj povis prezenti sin inter la multaj aliaj grupoj kun internaciaj temoj.
La organizantoj speciale volis atingi la junajn homojn, ĉar multaj germanoj ne konscias pri la avantaĝoj de la Unio. Ŝajnas ke multaj politikistoj ne kapablas bone klarigi al la civitanoj, kiel la unio plibonigas ilian vivon.
En nia stando ni informis pri la *Internacia Lingvo Esperanto* kaj la avantaĝoj de egalrajta komunikado.



**Rudi varbas** Foto: Klehr

Multaj klubanoj helpis ĉe la stando, inter ili ankaŭ estis la 80-jara *Rudi Haberland*, kiu bone varbis por nia afero. Dankon al ĉiuj kunlaborantoj!

*Benno Klehr*

# Malfrua memorigo

## (Spätes Gedenken)

***Verein für Hamburgische Gechichte*** (Societo por Hamburgia Historio) ĵus publikigis libron pri siaj iamaj 46 judaj membroj, kiuj estis eksigitaj en 1938 kaj 1939 aŭ malaliĝis inter 1933 kaj 1937 pro la antisemita politiko de la Hitlera reĝimo.
En tiu libro troviĝas sep biografioj pri rimarkindaj hamburganoj.
Unu el ili estas *Felix Epstein* (1882–1982), kiu travivis la koncentrejon *Theresienstadt*.

En la teksto plurfoje estas menciita, ke li estis fervora esperantisto.

La libro nun ankaŭ troviĝas en la biblioteko de ***Hamburga Esperanto-Societo***.



**Felix Epstein** Foto: Lanka

# Hafengeburtstag

## naskiĝtaga festo de la haveno



Hamburg ĉiu-jare en Majo festas la datrevenon de la transdono de dokumento de imperiestro *Frideriko Ruĝbarbulo*, la 7an de Majo 1189, kiu konfirmas al Hamburg privilegion sur la *Elbe* ĝis la *Norda Maro*.
La fakto, ke tiu dokumento estis lerte falsita en la jaro 1265 ne ĝenas la spektaklon apud la malnovaj ŝip-alvenejoj ĉe la *Elbe*. Kutime vizitas ĝin proksimume unu miliono da homoj por spekti paradon de velŝipoj, baledon de remork-ŝipoj aŭ remkonkurson de drako-boatoj. Kompreneble oni ankaŭ ĝuas muzikon, manĝaĵojn kaj trinkaĵojn dum tiu ŝatata semajnfina festo.
La Eŭropo-foiron, kiu devus okazi dum Eŭropo-tago, (9a de Majo) oni jam okazigas du semajnon antaŭe por trovi iom pli da atento ĉe la civitanoj pri Eŭropa Unio.



Fotoj: stero.de

**Neuwerk** estas insuleto en la norda maro apud la enfluejo de rivero Elbo, en distanco de 120 km de Hamburg. Dum malalta tajdo oni povas piede atingi ĝin de la marbordo.
En 1299 Hamburg akiris la rajton sur la "nova insulo" *Nige Og* konstrui gardoturon kontraŭ piratoj. Pro tiu turo la insulo ricevis la nunan nomon "nova fortikaĵo" *Neuwerk*. En 1367, post forbrulo, oni konstruis brikan turon kun lumsignalo por la ŝipoj survoje al Hamburg.
Hodiaŭ Neuwerk ankoraŭ estas parto de Hamburg, eĉ parto de la distrikto "Centro". La malnova turo estas la plej malnova konstruaĵo de Hamburg kaj krome la lasta fortikaĵo de Hamburg.


Foto: Jörg Beleites


Foto: Rosemarie Steinhäuser

## Cignoj sur Alster

Cignoj en Hamburg ĝuas vere specialan respekton. Jam antaŭ 345 jaroj, la senato ordonis, ke ĉiuj civitanoj respektu la cignojn sur lago kaj rivero Alster.
La *mandato* el 1664 deklaras, ke neniu ofendu (des pli ne mortigu) la cignojn. Mistrakti la cignojn estis krimo kontraŭ la suvereno, kiu estis severe punenda. En tiu tempo cignoj estis simboloj de urba suvereneco.
Hodiaŭ la cignoj ankoraŭ estas gravaj por la urbo, kaj speciala dungito la *Patro de Cignoj* zorgas pri ili. Antaŭ la vintro li portas ilin al senglacia lageto, kaj reportas ilin en printempo. Do reveno de cignoj signas printempon.

## Alproksimiĝi Kubon de *Gerald Roemer*

Esperantisto el Kubo *Juan Besada* vizitis Hamburgon por kelkaj tagoj kaj prelegis pri la historio de Kubo. *Juan Besada* estas tekstkolektanto ĉe la katolika eklezio en Kubo, kunfondis *Kuban Esperanto Asocion*, publikigis plurajn librojn en Esperanto, li gvidas Esperanto - kursojn. Nun li prelegvojaĝas kun la helpo de GEA (Lars Sözüer) ĝis komence de junio tra Eŭropo. La vojaĝo post longaj klopodoj de Lars neatendite realiĝis, kaj tiel hazarde la unua kaj inda celo estis la PSI (Printempa Semajno Internacia - vidu la raporton), kie *Alvaro Cortes* kaj mi renkontis lin.
La estraro de HES rapide dicidis inviti *Juan* al Hamburgo, kaj *Alvaro* pretis loĝigi lin por kelkaj tagoj. Li ankaŭ helpis "interpreti" por Juan – kiu unuan fojon estis en eksterlando – la germanajn kutimojn, ekonomion, socion, tra la okuloj de sudamerikano.
Sed estis certe malfacile por kubano, kiu gajnas 20 dolarojn monate (kaj havas per tiu relative bonan salajron en Kubo), kompreni la altecon de meza enspezo de germano - kompare kun la necesaj elspezoj (centoj da Euroj) por loĝejo, manĝoj ktp., aŭ ekz. la grandegajn diferencojn inter salajroj. Diskutante pri senlaboreco *Juan* diris, ke li ne povis pravigi la impreson, kion la kuba televido donas pri la "mizera vivo de grandaj partoj de la germana enloĝantaro". Ĉu en Kubo (kiel en iama GDR) oni donas fals(igit)an bildon pri eksterlando por ke la propraj mankoj aperu malpli gravaj?
Dum sia prelego *Juan Besada* ne multe sekvis nian peton paroli ankaŭ pri la nuna situacio en Kubo. La prelego komencis en fora tempo, koncentriĝis al la mizeraj vivcirkonstancoj kaj la subpremoj fare de hispanaj regantoj dum la 16a ĝis 19a jarcento, ĝi finis per la atingoj de la kuba revolucio.
La faktoj estis bone prezentitaj kaj certe gravaj por la historia evoluo de la lando Kubo.


**Juan Besada** *Foto: Klehr*

En la posta diskuto laŭ mia impreso *Juan* tro defendis la fieron de kubanoj pri sia lando, kion ja neniu de ni volis nei. Mankis la tempo diskuti pri la vera politika kaj ekonomia situacio, pri la novaj proponoj de *Obama* por novaj rilatoj inter Usono kaj Kubo, ktp. Ĉiukaze: *Juan Besada* invitis nin ĉiujn viziti la UK-on sekvontjare en *Havano* - kaj mem sperti pri Kubo. Tiun inviton li transdonis kun la plena entuziasmo de kubano.

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Junio

4 **Esperanto – Pasporto al la tuta mondo**

11 *Roman Dobrzyński:* **Oomoto**

18 *19.30 h*
*Dr. Ulrich Lins:* **Von Japan lernen?**
Publika prelego **germanlingva**
en la granda salono

19 (Vendredo) 20.00 h • granda salono
***Ulrich Lins***: prelego en **Esperanto**.
**Zamenhof kaj la historio de Esperanto**
150-a datreveno de la naskiĝo de Zamenhof.
Ni kore invitas amikojn el niaj najbaraj urboj.

24 18.30 h Estrarkunsido (publika)

25 **Raportoj pri la germana kaj eŭropa kongreso en Herzberg**
Partoprenintoj raportas.

## Julio

2 Adjektivo kaj adverbo laŭ «ABC-mempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko»

4 Komuna ekskurso al BUGA

9 *Kerstin Baasch:*
**Ludvespero**
– konataj kaj nekonataj ludoj

16 **Paroliga-Somero 1**
gvidas Peggy Ley kaj Benno Klehr

23 **Paroliga-Somero 2**
gvidas Peggy Ley kaj Frank Merla

29 18.30 h Estrarkunsido (publika)

30 **Somera Festo** en gastejo ***Oase***
Bonvolu legi la ĉi-teman artikolon

## Aŭgusto

6 **Paroliga-Somero** 3
gvidas Vesna Staničić-Burchards
kaj Benno Klehr

13 **Paroliga-Somero** 4
gvidas Vesna Staničić-Burchards
kaj Frank Merla

20 **Partoprenantoj raportas pri la UK**

27 *Gerald Roemer:*
**Vivnivelo kaj la ekologio – kiel mezuri?**

## Septembro

3 *Volker Kraeft:*
**Kiel uzi poŝtelefonon?**
Ĉu ĝi havas sekretajn funkciojn?

10 **Esperanto –**
**pasporto al la tuta mondo**

Vesna Staničić-Burchards petas, nur plu uzi ŝian hejman telefonnumeron 040 - 535 86 84 kaj hejman retpoŝtan adreson: vesna@wtnet.de